# FEN X

ESPERANTO NEDERLAND

*Forumo de Esperanto Nederland*

**www.esperanto-nederland.nl**

Dumonata membrogazeto de *Esperanto Nederland.*
ISSN 1384-6515
Membroj de *Esperanto Nederland* ricevas la gazeton; ĝi estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 15.-
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:** <redakcio@esperanto-nederland.nl>
H. Bakker, Kastelenstraat 231II, 1082 EG Amsterdam, tel./fakso 020-64 21 853 <hansbakker@raketnet.nl>.
J.K. Hammer, Taxusstraat 7, 1505 AA Zaandam, tel. 075-616 69 31, <ko.hammer@planet.nl>.

**Esperanto Publike:**
Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe redaktoro Hans Bakker, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme, Albert 1 straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:**
Julia De Coster, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**

**Sekretario**
Alfonso Pijnacker, Tulpstraat 110, 2841 AE Moordrecht. Tel. 0182-37 40 58 aŭ 06-513 762 57 // <sekretario@esperanto-nederland.nl>.

**Membro-Administranto:**
Remment Balk, Egeïschestraat 42,
8303 EN Emmeloord. Tel. 0527-23 93 78 // <membroj@esperanto-nederland.nl>.

**Kasisto:** Els ten Hagen-Renses, Middenweg 587, 1704 BH Heerhugowaard. Tel. 072-571 79 18, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Poŝtkonto: 37 55 22 nome de ESPERANTO NEDERLAND;
UEA-konto: esne-h

**Informado/informmaterialo:** Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen. Tel. kaj fakso: 050-57 18 842. Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Instrua Servo:** Luit Staghouwer, Julianalaan 25, 9781 ED Bedum. Tel.050-301 40 15, <luitstaghouwer@home.nl>.

**Studie-weekeinde:**
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder, Tel: 0223-643781.


## DATOLIMO:

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la fino de marto. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin. Simpla teksto, kiel en elektronika letero, plej taŭgas, sed ankaŭ aldonaĵoj en Word aŭ Wordperfect estas bonaj.

Kompreneble ankaŭ paperaj kontribuoj estas bonvenaj. Krome tre bonvenaj estas bildoj por la frontpaĝo!

## ENHAVO



## PRI PAĜO 1

Marijke Lathouwers dum la Zamenhoffesto en Alkmaar. Vidu p. 7.

## DE LA REDAKCIO

La tempo progresas, novaj ideoj kaj kutimoj ŝanĝas la socion. Tio influas ankaŭ nian asocion.
Multe pri tiuj temoj vi povos legi en ĉi tiu numero...
Tion, por kio ne estis spaco en la nuna numero, vi trovos en la venonta numero.

## IRU KUN NI AL GERMANIO!

La 16-an de majo okazos por la 6-a fojo reciproka vizito inter la E-klubo en la germana Essen kaj la esperantistoj en la regiono Helmond-Eindhoven. Ĉi-foje la nederlandanoj vizitos Germanion kaj niaj orientaj najbaroj gvidos nin tra la urbo Bochum. Ĉiu estas bonvena akompani nin al Germanio dum ĉi tiu unu-taga ekskurso. Interesitoj povas ricevi pliajn informojn ĉe Twan Gremmen: <info@twangremmen.nl> aŭ telefone: 0492-544472. Pliajn informojn pri Bochum oni povas jam legi en la Esperantlingva Vikipedio: <http://eo.wikipedia.org/wiki/Bochum>.

Twan Gremmen kaj Ralph Schmeits.

## BENELUKSAJ KONGRESOJ DE ESPERANTO

Antaŭ nelonge mi aĉetis malnovan kongreslibron de Beneluksa Kongreso de Flandra Ligo Esperantista, Nederlanda Esperanto-Asocio L.E.E.N. kaj Reĝa Belga Ligo Esperantista en Antverpeno en 1953. Kiam mi traserĉis la interreton mi trovis:
1951 Beneluksa Kongreso en Hilversum
1953 1-a B.K. en Antverpeno / 1955 3-a B.K. en Utrecht / 1956 4-a B.K. en Gent / 1957 5-a B.K. en Eindhoven / 1963 10-a B.K. en Antverpeno (“la lasta”) / 1974 B.K. en Lieĝo
Kiu povas kompletigi ĉi tiun liston? Kaj kiu scias pli pri la kongresoj? Bonvolu sendi reagojn al Rudi Koot, Fazantstraat 21, 3281 RL Numansdorp aŭ <rkoot@solcon.nl>.

# 18-A ĜENERALA KUNVENO: LA 16A DE MAJO 2009

## TAGORDO

La 18-a ĝenerala kunveno de ESPERANTO-NEDERLAND okazos la 16-an de majo 2009 de 10.00 h ĝis 14.00 h en "Vergadercentrum Vredenburg", Vredenburg 19, Utrecht. Membro povas reprezenti maksimume 2 aliajn membrojn, se li/ŝi transdonis subskribitajn mandatojn al la registranto.

00. Alveno ekde 10.00 h.
01. Malfermo de la ĝenerala kunveno je 10.30 h. Rememoro de la forpasintaj membroj.
02. Fikso de la Tagordo / Envenintaĵoj.
03. Protokolo pri la 17-a ĝenerala kunveno en 2008.
04. Agadraporto pri 2008.
05. Financaj raportoj pri 2008.
    5.1. Raporto de la kaskontrol-komisiono.
    5.2. Rezultkonto pri 2008.
    5.3. Bilanco je 31-12-2008.
06. Proponoj.
    6.1. Proponoj de la membroj.
    6.2. Proponoj de la estraro.
    6.3. Fikso de la kotizoj 2010.
    6.4. Buĝeto kaj Laborplano 2009.
07. Elektoj.
    7.1. Estraro:
    La estraro prezentas la kandidatojn Ineke Emmelkamp, Peter Ebenau kaj Gerrit Berveling. Ne estas kandidatoj por la prezidanteco kaj sekretarieco.
    7.2. Kaskontrol-komisiono:
    Laŭstatute la tuta komisiono ĉiujare demisias.
    7.3. Arbitracia komisiono:
    Kees Ruig demisias kaj estas reelektebla.
08. Jubileantoj
09. Verloren van Themaat-premio.
10. Adiaŭo.
    Joke Hoobroeckx kaj Alfonso Pijnacker demisias kaj ne estas reelekteblaj.
11. Diskuto: Kion fari post 2009 sen prezidanto, sen sekretario kaj, eble, sen kasisto?
12. Ronddemandado.
13. Absoluta fermo je la 14.00 h.

**Lunĉpaŭzo**

La tempo kaj la daŭro dependas de la diskutado. Dum la paŭzo funkcias la UEA-Libroservo.
Posttagmeza programo 14.30 h ĝis 16.00 h.
Boat-ekskurso tra Utrecht por la kunven- partoprenantoj. Necesas ekhavi bileton pro limigita kvanto da partoprenantoj. Do anoncu vin tuj ĉe la sekretario kaj petu senkostan bileton. Ne atendu ĝis la kunveno. Garantion por la ekskurspartopreno oni havos nur post estrara konfirmo.

**PROPONOJ 2009**

<u>– Tagordo 6.1.</u>
La membroj Gerda Dercks kaj 5 aliaj proponas:
La asocio memoru 25-jaran membrecon. La estraro sendu gratulkarton al tia jubileanto kaj menciu en la jarkunveno la nomojn de tiaj jubileantoj.
La atento por la 50-jara membreco restu speciala.
La membro-administranto kaj la estraro konsentas pri la propono.

<u>– Tagordo 6.2.</u>
La estraro proponas aldoni al artikolo 25 de la Interna Regularo:
3. Het Leerstoelfonds.
Verantwoordelijk voor de instandhouding en financiering van de Leerstoel Interlinguïstiek en Esperanto aan de Universiteit van Amsterdam is de Stichting Internationaal Esperanto-Instituut te 's-Gravenhage. Middels de jaarlijkse begroting verleent de vereniging ESPERANTO NEDERLAND daarvoor financiële steun aan deze stichting. Het Leerstoelfonds heeft tot doel de Leerstoel extra te ondersteunen ten behoeve van activiteiten die het bestuur van de vereniging voor de ontwikkeling van Esperanto van belang acht. De verantwoordelijkheid voor de besteding van de middelen van het fonds berust bij het bestuur van de vereniging. De penningmeester van de vereniging beheert de middelen.
Jaarlijks wordt door het bestuur aan de leden van de vereniging en aan de begunstigers die geen lid zijn van de vereniging, schriftelijk verantwoording afgelegd.

<u>– Tagordo 6.3</u>
La estraro proponas ne ŝanĝi la kotizojn por 2010.
Do, en 2010 la jarkotizoj estos:
€ 27,50 por membro ordinara.
€ 8,00 por membro-samhejmano.
€ 13,75 por NEJ-membro ordinara.
€ 4,00 por NEJ-membro-samhejmano.
€ 10,00 minimume por subtenanto.
€ 15,00 por eksterlanda abonanto.

<u>- Tagordo 6.4.</u>
Buĝeto kaj Laborplano 2009 en aparta rubriko.

## ALVOKO AL DELEGITOJ

Mi petas la (fak)delegitojn informi min senprokraste pri eventualaj aldonoj kaj korektoj de viaj donitaĵoj por ke mi ĝustatempe povu sendi ilin al UEA por la aperigo de nia Jarlibro 2009. B.v. sendi ilin skribe aŭ telefakse al mi. Koran dankon.
Kees Ruig, ĉefdelegito, Groesbeekseweg 53, 6581 BJ Malden. / Tel./fakso 024-3580320.



La grupdomo "de Strubben", Hoofdstraat 4 en Schoonloo, provinco Drenthe, kie okazas la studo-semajnfino de la 6-a ĝis la 8-a de marto.

## BUĜETO / LABORPLANO 2009

| Elspezoj | Enspezoj | Laborplano |
|---|---|---|
| 120 | 2500 | **1.1. Banko / Kapitalo.**<br>La investpolitiko estu pli etika kaj pro tio ŝanĝiĝos. |
| 0 | 0 | **1.2. Faulhaber-fonduso.**<br>Memstara librotenado. Elspezo laŭ estraraxdecido. |
| 0 | 0 | **1.3. Mabesoone-Fonduso.**<br>Memstara librotenado. Elspezo laŭ estrara decido. |
| 0 | 0 | **1.4. Katedro-fonduso**<br>Memstara librotenado. Elspezo laŭ estrara decido. |
| 1800 | 0 | **2.1. Estraro.**<br>Pripensi kion fari post 2009 ! |
| 100 | 8500 | **2.2. Membroj, subtenantoj, eksterlandaj abonoj.**<br>Administri. Atenti 50- kaj 25-jarajn jubileojn. |
| 1500 | 0 | **2.3. Membro-kunveno.**<br>Minimume aranĝi unu ĝeneralan membrokunvenon.<br>Boatekskurso Utrecht. |
| 0 | 0 | **2.4. Arkivo.**<br>Deponi materialon se ĝi estas. |
| 250 | 0 | **2.5. Goslinga-kolekto.**<br>Plu ordigi. |
| 0 | 0 | **2.6. Esperanto Publike.**<br>Kolekti artikolojn kaj prizorgi rubrikon en FEN-X. |
| 50 | 0 | **3.1. Kaskontrolo.**<br>La komisiono kontrolas. |
| 0 | 0 | **3.2. Arbitracio.**<br>Laboratendo ne estas. |
| 250 | 0 | **3.3. Verloren van Themaat-premio.**<br>La ĵurio elektas personon. |
| 3000 | 1000 | **4.1. Informado**.<br>Liveri informmaterialon al petantoj, membroj kaj ne-membroj. |
| 8000 | 2000 | **4.2. Instruado.**<br>Prizorgi skriban kurson. Eldoni novan kursmaterialon.<br>Aranĝi 2 studsemajnfinojn. Subteni IEI-n por la katedro en la universitato. |
| 4500 | 0 | **4.3. Utiligado.**<br>Faulhaber-komisiono aranĝas kulture.<br>Atento por la biblioteko en la universitato.<br>Akcepto kaj dissendo de brokantaĵoj. |
| 4200 | 60 | **4.4. FEN-X.**<br>Eldoni 6 numerojn. |
| 500 | 0 | **4.5. Retejo.**<br>Prizorgi la paĝaron. |
| 1500 | 0 | **5.1. UEA.**<br>Pagi la kotizon. Nia komitatano-A reprezentos nian asocion.<br>Rezervo 2010. |
| 175 | 0 | **5.2. EEU.**<br>Pagi la kotizon. Estrarano reprezentos nian asocion. |
| 50 | 0 | **5.3. Komerca Ĉambro.**<br>Pagi la kotizon. |
| 0 | 0 | **6.1. Fakaj sekcioj.**<br>Eventuala subteno el la Mabesoone-fonduso. |
| 0 | 0 | **6.2. Regionaj sekcioj kaj kontaktoj**<br>Eventuala subteno el la Mabesoone-fonduso. |
| 500 | 100 | Ne-atenditaj aferoj. |
| **26495** | **14160** | **Subsumo.** |
| | **12335** | **Deficito el la kapitalo.** |
| **26495** | **26495** | **Finsumo.** |

Laŭ decido en la jaro 2008 ni devas pagi € 25000,00 (po € 5000,00 en 2008 ĝis inkl. 2012) al IEI por la Katedro.

## LA ESTONTO DE ESPERANTO NEDERLAND

Ni ricevis jenan kontribuon de la geedzoj Erasmus, kun la urĝa peto aperigi ĝin en la nederlanda lingvo. Ĉar ni alte taksas la bonajn intencojn ni ĉi tie plenumas ilian deziron, kaj aldonas mallongan resumon por niaj eksterlandaj legantoj.

## TOEKOMST VAN ESPERANTO NEDERLAND

In de laatste drie nummers van het verenigingsblad Fen-X is door Ko Hammer en het bestuur en tenslotte in een brief van december 2008 van ESPERANTO NEDERLAND (EN) aan de leden de aandacht gevestigd op de moeilijke omstandigheden, waarin EN verkeert.

Het ledental is de laatste jaren sterk achteruitgegaan en bestuursleden zijn niet of nauwelijks te vinden.

Vele verenigingen kennen dergelijke problemen. Verandering van mentaliteit en digitalisering van de samenleving kunnen als oorzaken worden aangewezen. Jaarlijks één of meerdere keren vergaderen spreekt jongeren minder aan en de toenemende leeftijd van de meeste leden van EN belemmert deelname. Bepaalde activiteiten, zoals instructie van de taal, gebeuren in toenemende mate digitaal en nieuwe generaties geven hieraan de voorkeur.

Wat wij al eerder voorstelden willen wij graag nog eens onder de aandacht brengen nu de nood kennelijk hoog is.

**Inhoud**

1 - EN moet van een naar binnen gerichte een naar buiten gerichte vereniging worden.

Hoe kunnen ooit de media belangstelling krijgen wanneer in de jaarvergadering voornamelijk Esperanto wordt gebruikt? Hoe kan een lid zijn of haar kennissenkring geïnteresseerd krijgen, laat staan enthousiast voor Esperanto maken wanneer het verenigingsblad en andere mededelingen niet in het Nederlands zijn gesteld? De mededeling van dec. 2008 van het bestuur (in het Nederlands!) is een eerste stap, behalve dan weer het gebruik van Esperanto-termen als “informado” en “utiligado”.

Het geeft eens te meer aan hoe men naar binnen is gericht.

2 - Gebruik de Nederlandse taal, om te beginnen in het verenigingsblad en andere mededelingen. Dit moet het principe zijn, hetgeen niet uitsluit dat bepaalde zaken

zoals bijvoorbeeld een taalrubriek deels in Esperanto beschreven wordt of andere onderwerpen indien daartoe aanleiding is.

3 - De inhoud moet allereerst gericht zijn op het talenprobleem: positie van het Nederlands, het toenemend gebruik van het Engels,

minderheidstalen, taal en identiteit, taalonderwijs, globalisering enz. Esperanto is een oplossing. Die oplossing wordt niet aanvaard als het onderliggend probleem niet wordt beschreven en geanalyseerd.

4 - Zoek aansluiting bij bestaande instellingen zoals het Algemeen Nederlands Verbond (het verbond omvat Nederland en Vlaanderen), de Stichting Nederlands, buitenlandse instellingen e.d.

**Structuur**

1 - Het is denkbaar de vereniging om te zetten in een stichting, overigens met ongeveer dezelfde doelstellingen als de vereniging nu heeft. Een stichting kent alleen een bestuur (dat uit een zeer beperkt aantal leden kan bestaan). Donateurs dienen voor de geldmiddelen te zorgen. De activiteiten kunnen dezelfde zijn.

2 - Een vereniging blijft echter een mooiere vorm. Kenmerkend zijn de leden, die een bestuur kiezen. Het bestuur vertegenwoordigt de leden of ruimer gezegd: de Esperantobeweging.

De ledenvergadering is de hoogste macht. Een vereniging is meer “open” dan een stichting, is meer zichtbaar.

3 -EN beslaat Nederland, ofschoon het Nederlands taalgebied veel groter is.

Een deel van dit Nederlandse taalgebied wordt bestreken door de Vlaamse Esperanto-bond v.z.w., gevestigd in Antwerpen. Toegegeven: er wordt al samengewerkt. Maar waarom niet de activiteiten nog meer bundelen, zonder dat de rechtspositie van de twee instellingen hoeft te veranderen? De bladen “Fen-X” van EN en “Horizontaal” van de Vlaamse Esperantobond kunnen samengaan.

Met een beperkt aantal bestuursleden van EN en met het bestuur van de Vlaamse Esperantobond kan één gezamenlijk plan worden opgezet.

Marjet en Hans Erasmus, Voorburg, januari 2009.

## RESUMO EN ESPERANTO

Lastatempe la estraro atentigis pri la malfacilaĵoj de nia asocio. La membroj malpliiĝis kaj estraranoj apenaŭ estas troveblaj. Multaj asocioj havas la samajn problemojn, kiujn kaŭzas ŝanĝo de ĝenerala animstato kaj la disvastiĝo de komputila komunikado. Oni nevolonte kunvenas i.a. pro la maljuniĝo. Instruado okazas per la komputilo.

Ni volas ripeti tion, kion ni jam proponis pli frue.

**Enhavo**

1. EN devas turni sin ne al siaj membroj sed al la ekstera mondo. Oni ne vekas atenton de la publiko se la jarkunveno okazas en Esperanto. Membro ne povas interesi siajn gekonatojn se la revuo ne estas nederlandlingva. Eĉ kiam la estraro uzas la nederlandan lingvon (dec.2008) ĝi uzas vortojn kiel “informado” kaj “utiligado”.

2. Uzu la nederlandan lingvon en la revuo kaj aliaj komunikoj.

3. La ĉefa temo devas esti la lingva problemo, la loko de la nederlanda lingvo, la plivastiĝo de la angla, la lingvoj de malplimultoj, lingvo kaj identeco, lingvo-instruado, tutmondiĝado ktp. Esperanto prezentas solvon, sed tion oni agnoskas nur se oni konscias ke ekzistas lingva problemo.

4. Kunlaboru kun organizaĵoj kiel Ĝenerala Nederlanda Ligo, k.a. asocioj kiuj defendas la nederlandan lingvon.

**Strukturo**

1. Estas eblo krei Fondaĵon anstataŭ asocio.
Celo kaj agadoj povas resti samaj.

2. Tamen Asocio estas pli alloga, pli klara kaj travidebla strukturo ol Fondaĵo.

3. La nederlanda lingvo kovras multe pli grandan teritorion ol Nederlandon. Kunlaborado kun FEL jam okazas sed povus pligrandiĝi. Ekzemple la gazetoj Fen-X kaj Horizontaal povas kunfandiĝi. La malmultaj estraranoj de EN povas kunlabori kun la estraranoj de FEL por fari komunajn planojn.

Hans kaj Marjet Erasmus, Voorburg, januaro 2009.

## REAGO DE LA ESTRARO:

La estraro pridiskutis la leteron en sia kunveno de 17-01-2009.

La estraro ĝojas ke membroj kunsentas kaj kunpensas pri la estronteco de nia asocio. Sed, bedaŭrinde, la letero ne rekte tuŝas la problemojn kiujn la estraro (la asocio) nun devas solvi: trovi tuj prezidanton, sekretarion kaj sekvontjare kasiston.

Jes, Marjet kaj Hans Erasmus pravas. La Asocio devus agadi pli eksteren, pli kontakti kaj pli kunlabori kun eksteraj organizaĵoj, sed, denove sed, kiu faru tion se ni ne trovas membrojn kiuj povas-pretas estri aŭ reprezenti la asocion?

En la sekvonta Ĝenerala Kunveno (16-05-2009) la membroj povos diskuti pri ĉiaj temoj sed: nun nia asocio urĝe bezonas estraranojn.

Pri la publikigo de la letero en FEN-X la estraro ne planas interveni. Laŭ artikolo 23 de la interna Regularo la revuo estu en Esperanto. Tamen la redakcio de FEN-X havas propran respondecon kaj povas memstare decidi. (Mal)laŭdojn ni akceptu.

## 2009: JARO DE REPACIĜO

Unuiĝintaj Nacioj proklamis la jaron 2009 kiel Internacian Jaron de Repaciĝo. Pro tio la Mondfederistoj donas atenton al la ekscesoj, kiuj okazis dum la kolonia milito de Nederlando kontraŭ la nuna Indonezio. La laborgrupo pri Internacia Juro aprobis la proponon varbi subskribojn por esprimi kunsenton kaj pardonpeton al la viktimoj kaj al la postvivantoj, interalie en la tiama vilaĝo Rawagede, la nuna Balongsari.

Pliajn informojn volonte donos Rob Moerbeek.
Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk,
Tel. 0251-231 079. <r.moerbeek@wanadoo.nl>.

    




## FRÜHLINGSLIED

*Gekommen ist der Maie.*
*Die Blumen und Bäume blühn,*
*und durch die Himmelsblaue*
*Die rosigen Wolken ziehn.*

*Die Nachtigallen singen*
*Herab aus der laubigen Höh,*
*Die weissen Lämmer springen*
*Im weichen grünen Klee.*

*Ich kann nicht singen und springen*
*Ich liege krank im Gras;*
*Ich höre fernes klingen,*
*mir träumt, ich weiss nicht was.*

## PRINTEMPA KANTO

*Veninta estas la majo,*
*la floroj kaj arboj floras*
*kaj tra la ĉielbluo*
*preterpasas la rozkoloraj nuboj.*

*La najtingaloj kantas*
*malsupren el la foliara alto,*
*la blankaj ŝafidoj saltas*
*sur la milda verda trifolio.*

*Mi ne povas kanti kaj salti*
*Mi kuŝas malsana en la herbo*
*Mi aŭdas sonadon malproksiman*
*Mi revas, mi ne scias kion.*

**Interpreto**

La poeto, Heinrich Heine (1797-1856) ne povas ĝui la belegan printempan ornamon. La espero al ekzalto de feliĉa sento estas ombrita de melankolio. Ŝajnas ke la poeto perdas la kredon en la amo, kiam li aŭdas la sonadon malproksiman.

lic. Jilde Stern-Agema

    

## LA AMSTERDAMA KATEDRO

**Numero 1/2009: januaro.**

La Amsterdama Katedro estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo. Kiu deziras legi la plenan bultenon reagu al: <wimjansen@casema.nl>.

**La ĉefaj projektoj**

La 9-an de decembro finiĝis la katedra kurso pri interlingvistiko. La fina ekzameno okazis la 6-an de januaro 2009. Cseh-leciono fare de Atilio Orellana okazis ĉi-kurse la 14-an de oktobro.

La 3-an de februaro komenciĝos la katedra kurso de Esperanto. La kurso estas afiŝita en la elektronika studejo Blackboard de UvA. Ĝis la momento de publikigo de tiu ĉi informilo aliĝis 11 studentoj. La Esperanto-kurso estas reklamata ankaŭ en la prestiĝa broŝuro de la "Illustere School", la novstila instituto kun pagendaj universitatnivelaj kursoj por ĉiu interesito, sendepende de ties kvalifikoj (kurskotizo: € 225).

La 15-an de novembro 2008, dosiero de 171 elnederlandaj pruntaĵoj en Esperanto estis transdonita al la ĉefredaktorino de la NTU-projekto pri nederlandaĵoj en aliaj lingvoj ĝenerale. Kelkaj reagoj venis post petoj aperintaj en Fen-X kaj en Horizontaal.

Finiĝis la laboroj pri relative ampleksa anglalingva tipologia priskribo de Esperanto por LPLP aŭ simila internacia faka revuo. La unuan malneton prikomentis Humphrey Tonkin kaj Detlev Blanke.

**Krome**

- La 9-an de okt. la dekana oficejo informis pri la decido de la universitata estraro aprobi la nomumon de WJ al la speciala profesoreco pri interlingvistiko kaj Esperanto. La 16-an de nov. IEI konfirmis la aprobon, kio signifas, ke la profesoreco ekvalidis la 1-an de novembro por kvinjara periodo. La informoficejo de UvA disvastigis la novaĵon tra siaj kutimaj kanaloj, plej laste en sia anglalingva retbulteno <english.uva.nl/news/professorappointments.cfm> .

Por la 31-a de januaro estas planata kunveno en la Andreo Cseh-Domo en Hago por diskuti aspektojn de la katedraj taskoj pri instruado kaj esplorado dum la venontaj jaroj.

- La 20-an de oktobro estis kreita, surbaze de libervola aliĝo, retpoŝta rondo de studintoj kaj studantoj pri interlingvistiko. Momente ĝi havas 38 membrojn, kiuj estas retpoŝte provizataj per novaĵoj pri Esperanto, esperantologio kaj interlingvistiko. "Novaĵoj" ne estas ĝeneralaĵoj el la E-movado, sed eventoj kun specifa intereso por la studentoj: la aĉeto fare de la universitata biblioteko de novaj libroj koncerne la fakon, atentigo pri esplorkampoj por bakalaŭraj aŭ magistraj diplomverkoj, atentigo pri staĝo-okazoj, ateliero pri Esperanto, vizitindaj retejoj, k.t.p.

- WJ kaj la kuratoro de la katedro, Hans Erasmus, membras en la interdisciplina esplorgrupo "Babela Eŭropo", kies fonda manifesto kun klariga noto estas troveblaj en edukado.net. UvA kune kun partnera universitato en Irlando iniciatis la konstruon de tuteŭropa konsorcio de universitatoj, kune preparantaj respondon al konkursinvito de Eŭropa Unio por pristudi aspektojn de la enkonduko de Eŭropunia laborlingvo. La esplorprojekto, kies provizora akronimo estas Velem (Vehicular Languages and European Multilingualism), konsistas el dek taskoj, el kiuj unu, Vehicular Languages, Education and Language Planning, temas rekte kaj nerekte pri Esperanto. La unuaj rezultoj de la prijuĝado ne estos konataj ĝis la komenco de majo. En la okazo de venko de la propono, la laboroj komenciĝos en septembro 2009 kaj havos daŭron de kvar jaroj.

- Por la 18-a Jarkunveno de GIL en Berlino (21-a - 23-a de nov.), WJ preparis germanlingvan prelegon pri struktura komparo inter Esp. kaj la nehindeŭropa eŭska lingvo. La broŝuro estas afiŝita en <edukado.net>. La ellaborita teksto aperos en la venontjare aperontaj aktoj.

- La 27-an de novembro okazis ateliero pri Esperanto, kiun gvidis Atilio Orellana. Partoprenis 11 studentoj en la aranĝo, kiu iom post iom enradikiĝas ĉe UvA kiel tradiciaĵo.

- La 10-an de decembro WJ prezentis Esperanton per anglalingva parolado en neesperantista konferenco en Bruselo, organizita de Eŭropa Esperanto-Unio. La broŝuro estas afiŝita en edukado.net.

## LA ESTONTO ESTAS NIA

Jen la nomo de la unua nederlanda Esperanto-asocio el la jaro 1905, unu el la prauloj de la nuna ESPERANTO NEDERLAND. Kaj la demando estas: Ĉu tiu slogano ankoraŭ validas por nia asocio? Kiom grave la mondo intertempe ŝanĝiĝis. Kontakto kun miaj nepoj forte atentigis min pri tio.

Grava evento en la vivo de mia patro estas lia feriado en eksterlando, pri kiu li povis rakonti ĝis sia morto. Temis pri kelksemajna restado en la belgaj Ardenoj kaj en Antverpeno en la 20-aj jaroj de la pasinta jarcento.

Entuziasmaj artikoloj en tiutempaj Esperanto-gazetoj raportas pri korespondo kun eksterlandanoj. Tiam por multaj homoj Esperanto estis la sola maniero por eskapi el la kaptilo de la propra vilaĝo.

Kiam, antaŭ ĉ. 60 jaroj, junulo en Wormerveer edziĝis al ĉeĥa virino, pluraj artikoloj aperis en la loka gazetaro, kaj eĉ la porvirina revuo “Libelle” dediĉis kelkajn paĝojn al la evento, kaj al la mistera lingvo Esperanto, kiu tion ebligis. Kaj nun vizitoj al eksterlando apartenas al la normalaj aferoj en la vivo, kaj en mia kvartalo loĝas homoj el 67 diversaj nacioj.

Ja, eĉ la ĉiutaga vivo daŭre ŝanĝiĝas. Kiam mi bezonis informojn, mi iris al la biblioteko por serĉi ilin. Miaj infanoj nur enŝaltas la komputilon. Tion ili faras ankaŭ kiam aĉetoj necesas. Sed ni kutimas fari rondiradon preter diversaj butikoj por serĉi la plej bonan.

Kompreneble tiuj ŝanĝoj influas ankaŭ la valoron de Esperanto kaj ĝian pozicion en la socio. Ne plu ĝi estas la sola ilo por liberigi sin el la propra ĉirkaŭaĵo, la sola ilo por havi kontakton kun homoj el aliaj kulturoj.

Por mi mem du ecoj de nia lingvo ege valoras:

1- ĝi liberigas min de (politika) unuflanka influo de la gazetaro ktp, pro la fakto ke mi povas kolekti informojn de diversaj flankoj. Estas ja konata ke homoj kiuj por unu grupo estas “malamikaj ribeluloj”, por alia grupo estas “honorindaj batalantoj por la libereco”. (Memoru la naskiĝon de nia propra ŝtato...!)

2- ĝi ebligas min konatiĝi kun literaturo kaj arto el diversaj kulturoj, kiuj ĝenerale ricevas malmulte da atento. Literaturo de aliaj landoj ja venas al ni tra la filtro de kelkaj modernaj lingvoj kiel la angla, la franca aŭ hispana. En nia okcidenta socio Shakespeare, Goethe kaj Vondel estas konataj, sed kiujn gravulojn posedas la popoloj en Afriko, Azio...? Ĉi tie Esperanto povas esti la pontlingvo.

3 - Tre grava nia lingvo estas ĉe internaciaj kunvenoj, al kiuj certe apartenas la Eŭropa Parlamento. Kiu - kiel esperantisto - iam ĉeestis tian kunvenon ege miras, pri la stulte maniero en kiu oni tie diskutas, kompare kun tiu en Esperanto-rondoj.

La veno de la novaj kutimoj influas ankaŭ nian asocion. Esperanto estas lernata - per interreto. Sed membriĝi al ia asocio ne plu estas normala sekvo.

Estas grave, ke ni adaptu nin kaj nian asocion al la novaj kutimoj en nia socio. Se ne, ni pli kaj pli ekvivos flanke de ĝi, kaj ni iĝos vivantaj fosilioj.

Ni atente esploru, ĉu ekzistas novaj aŭ aliaj manieroj aŭ solvoj, kaj se ili sin prezentas ni ne hezitu akcepti ilin. Ni havu la kuraĝon forlasi tradiciajn vojojn, kaj serĉi novajn manierojn por atingi nian celon. Se tradicia vojo estas sekura, sed ne plu kondukas nin al nia celo, ni klopodu sekvi novan vojon, kiu certe havos siajn riskojn... sed sen riskoj la vivo neniam estas.

Povas okazi ke la novaj ebloj sin subite prezentas, kaj ke statuto aŭ regularoj postulas longan vojon antaŭ ol akcepti ilin. Tiam ni tamen ne hezitu kune fari escepton, kaj tuj decidi, laŭ la nederlanda proverbo “Nood breekt wet” (“Bezono leĝon ne obeas”).

Ko Hammer.

## ENKONDUKO AL LIBRO-LEGADO



Sabaton, la 9-an de majo okazos en Andreo-Cseh-domo en Riouwstraat 172 kurseto, dum kiu Ed Borsboom pritraktos 10 klasikajn Esperantajn verkojn (i.a. de Baghy, Engholm, Cseh, Ŝirjaev). Ĝi estas destinita por personoj, kiuj volas koni legindajn librojn kaj ricevi por tio voj-montrilon en la Esperanto-literaturo. Materialon vi ricevos surloke.

Programo: 10.00-10.30 akcepto kun kafo-kuko, 10.30-12.00 leciono, 12.00-14.00 lunĉo eksterdome, 14.00-15.30 leciono, 15.30 teo kun kuko. IEI akceptas maksimume 15 interesitojn.

Kostoj estas 28 euroj inkluzive lunĉon. Aliĝo ĉe Atilio, tel 070-3556677 aŭ rete <iesperanto@versatel.nl>.

## JOSEPH B. APASA

Luit Staghouwer ricevis kelkajn tre interesajn komunikojn pri la vivo kaj studado de Joseph en la pola urbo Lodz. La tuto ampleksas tri paĝojn, tro longa por publikigi ĉi tie. Sed se vi interesiĝas pri ĝi, S-ro Staghouwer volonte sendos ilin al vi. Adreso: Julianalaan 25, 9781 ED Bedum, Tel. 050-301 40 15, <luitstaghouwer@home.nl>.

Dum la pasinta jaro kelkaj subtenantoj finance helpis, kaj EUR 1780 povis esti senditaj al Joseph. Tiu sumo grave plifaciligis kaj pliagrabligis la vivon kaj studon de Joseph. Koran dankon al ĉiu, kiu helpis!

## NEDERLANDSE ESPERANTO-JONGEREN

Post trijara periodo de “dormado”, NEJ nun denove ekaktivis. Nova estraro komencis la laboron:

Douwe Beerda, prezidanto, Nico Huurman, sekretario, kaj Richard van Schaik, kasisto. Per letero al multaj esperantistoj ili sin prezentis, kaj ankaŭ ili faris novan paĝaron en interreto: <www.esperanto-jongeren.nl>. Al junuloj (ĝis 30-jaraj) oni proponas membriĝon kaj pli-aĝuloj eble volas esti donacantoj. La kotizo por 2009 estas EUR 15.-

.Donacantoj, kiuj pagas minimume EUR 30, senpage ricevos la DVD-on “Esperanto Estas”.

La ING-konto estas 1479 49 424, je la nomo NEJ, en Utrecht. Indiku:Membro, aŭ Donacanto.

Adreso: Douwe Beerda, tel. 06-36 14 12 05, elektrone <douwebeerda@gmail.com>

Aŭ vi uzu: < bestuur@esperanto-jongeren.nl>.

## ESPERANTO PUBLIKE

Jen ankoraŭ malfrua eĥo pri la Universala Kongreso, Rotterdam 2008: “Nieuwsbrief van de Faculteit der geesteswetenschappen aan de UvA” publikigis intervjuon kun Wim Jansen sub la titolo “Esperanto in tijden van idealisme” (Esperanto en epoko de idealismo).

La gazeto “Arabesken” eldonata de Louis Couperus Genootschap en novembro 2008 atentigis pri la tradukoj “Fatalo” kaj “Pri vagabondoj kaj friponoj”, faritaj de Gerrit Berveling.

Alia gazeto aperinta en novembro, “Filatelie”, atentigas pri la poŝtmarko kiun Saskia Idzerda desegnis por la UK. UEA malkovris tiun merkaton de mem-eldonitaj poŝtmarkoj, kiujn ĝi vendas kun profito, kaj samtempe utiligas kiel reklamon por Esperanto. Jam aperis dua poŝtmarko pro la 100-jara jubileo de la asocio.

Ĉiujare iuj nederlandaj urboj publikigas manlibron. En Gemeentegids Leidschendam-Voorburg de 2008 Marjet Erasmus prizorgis mencion pri Esperanto, tiel daŭrigante tradicion. Legantoj en aliaj urboj imitu la ekzemplon!

En Heiloo, la ĉefurbo de “Esperanto-Publike-lando”, Alkmaars weekblad de 28-01-2009 invitis legantojn reagi al “Aserto” (“Stelling”) de Ans Heijstra pri Esperanto. Ŝi scivolas la sekvontsemajnajn reagojn de legantoj. Ŝi partoprenis je 9-12-2008 invitite de la urbo Heiloo en “Tago de volontuloj”. Ĝin vigligis la improviza teatrogrupo Improsophie, kiu elvokis partoprenadon de la publiko. La publika elpaŝado de Ans dum tiu kunveno vekis diversajn laŭdajn reagojn. Fine, ĉiun monaton aperis senpaga anonceto “Molenwiekje” en la kvartalgazeto De Geestmolen.

Hans Bakker

## KOMUNIKO DE UEA

2008, la jubilea jaro de UEA kaj Internacia Jaro de Lingvoj, jam finiĝis. Ĝi estis tre sukcesa jaro kadre de niaj rilatoj kun UN kaj Unesko. En aprilo UEA okazigis seminarion ĉe UN en Ĝenevo, kaj okazis honore al L.L. Zamenhof festa kunsido en Parizo. Sed ĝi bedaŭrinde riskas esti ankaŭ la jaro kun la plej malalta nombro de individuaj membroj de UEA post la 2-a mondmilito. Ĝis hodiaŭ 5651 individuaj membroj pagis kotizon por 2008.

Estas necese, ke UEA reatingu 6000 individuajn membrojn en 2009. 2009 estu la jaro, en kiu ni rekaptu niajn fortojn por komune labori por la disvastigo de la lingvo Esperanto kaj la idealoj de D-ro Zamenhof.

Salutas Loes Demmendaal, Estrarano pri financo kaj administrado kaj Osmo Buller, Ĝenerala Direktoro.

## ZAMENHOF-FESTO 2008 EN ALKMAAR

La 14-an de decembro kelkdek esperantistoj el Noordholland kunvenis en la kunvenejo de la sekcio Alkmaar, “De Watertoren”, en kaŝita angulo de Alkmaar, sed tuj ĉe la stacidomo.

Gravaj partoj de la programo estis muzikprezentado de la koruso “Malvo”, kaj saluto de bulgara gasto.

Johan van der Hoek prezentis ĉarman rakonton “Gastoj”, pri politikaj rifuĝintoj, juna paro kun bebo, kiuj petas gastigadon, survoje al Egiptio.

“Kiel oni en via lando opinias pri rifuĝintoj?” la virino demandis. “Ni volonte helpas, sed ili estas speciale bonvenaj se ili baldaŭ foriris...” Kiam Jozef kaj Maria jam foriris, mi konstatis ke mi apenaŭ rigardis la infanon.

La kristnaskan rakonton verkis Mink van Rijsdijk en 1987 por la gazeto Trouw, kaj Ko Hammer tradukis ĝin por Fen-X en 2003.

## ZAMENHOF-FESTO 2008 EN HAGO

La 13-an de decembro okazis duan fojon Zamenhof-Festo en Andreo Cseh-Domo, Riouwstrato. En siaj bonvenigaj vortoj la prezidanto de Internacia Esperanto-Instituto substrekis, ke ĝi fariĝos ebla tradicia kunveno. La programo allogis 29 esperantistojn el 6 landoj, i.a. Germanio, Britio, Ĉeĥio.



*Claude Monet ĉe la skribtablo*

La unua preleganto estis la francino Anne Jausions, prezidanto de OSIEK (Organiza Societo de Internaciaj Esperanto-Konferencoj). En la parolado ŝi enkondukis la tradukon en Esperanton de la rakonto “Boule de Suif” de Guy de Maupassant fare de Fernando De Diego. Posttagmeze Claude Jausions vigle prezentis la pentriston Claude Monet kaj la valon de Sejno.



*Kees Ruig kun akordiono.*

En la programo ne mankis muzika ero. Kees Ruig instigis al kantado de mantroj akompanante per sia akordiono.

Vladíka Chvátalová, laboranta en Bruselo, entuziasme rakontis pri sia instruado de la franca kaj Esperanta lingvoj en orfejo en Benino.

Fine de la kunveno Ed Borsboom transdonis donacojn al la kontribuintoj. Danke al la organizado de Atilio Orellano Rojas la partoprenantoj ĝuis agrablan programon.

Els van Dijk-Kuperus.



## ETA HISTORIO: DU ĴIGO-PUZLOJ EL 1935

En paĝo 7 de la januara numero de Fen-X estas bildo de ĵigo-puzlo el la jaro 1935, per kiu oni ludis dum la studo-semajnfino.
Kelkaj persono interesiĝis pri ĝia historio.
Ili estis eldonitaj de la revuo “La Praktiko” en la jaro 1935. En la oktobra numero la plena lasta paĝo estas uzata por anonco por du “Aranĝbildoj” (!).
En la suba teksto mi vaste citas el la teksto de la anonco.
La unua, en ruĝa skatolo kun arĝenta teksto “Premio N-ro 1” havas la titolon “La popoloj de la mondo”. Ĝi prezentas la ĝardenon de la tiama “Esperanto-domo” en Arhem kun granda grupo de eksterlandaj gastoj. Tiuj portas numerojn kaj post la kunmeto de la bildo oni povas per poŝtkarto sendi la nomojn de la nacioj de la personoj, kaj tiel partopreni en konkurso.
La dua puzlo, “Premio N-ro 2”, en blua skatolo nomiĝas “La eltrovaĵoj de la mondo”. Ĝi montras bildon de moderna urbego. Nun la konkursa tasko estas sendi liston de 20 eltrovaĵoj kiuj estas plej gravaj por la homaro.
La puzloj estas 47 x 26 cm., en skatolo de 17x 16 cm. La bele kolorigitaj artaj desegnaĵoj estas gluitaj sur bonkvalita lignotabulo kaj poste fantazie dissegitaj en po 150-200 pecojn.
Por tiuj, kiuj ensendas la poŝtkarton kun la solvo estas por ĉiu puzlo 100 monpremioj.
Kvin ĉefpremioj de 100, 50, 25, 10 kaj 5 guldenoj, kaj 95 premioj de po 2,50 guldenoj.
Notario Van Mourik Broekman en Hago prezidos la kunvenon en kiu oni juĝos kaj disdonos la premiojn. Tio okazos 2 semajnojn post la disvendo de ĉiuj (5000) aranĝbildoj....
La prezo de puzlo estis 1,50 ned, guld. Kaj la sendkosto estis 0,25 guld.
Pri aktiva vendo-politiko oni klarvideble komprenas nenion, ĉar poste ni preskaŭ ne plu legas ion pri la puzloj.
Nur en la aprila numero de 1936 ni trovas en paĝo 14 la rezulton de ia loterio por la Esperanto-domo. El la gajnintoj 500 personoj ricevis po unu puzlon.
La tutpaĝa anonco denove aperis en la oktobraj numeroj de 1936 kaj 1937, sed cetere ni neniam plu ion aŭdas pri ili.
Mi supozas ke la notario neniam devis disdoni la premiojn, ĉar kredeble oni neniam disvendis la 5000 puzlojn.

JKH



# INFORMOJ PRI ESPERANTO EN INTERRETO

## GEOGRAFIO DE LA DUA MONDO

Jes, la mondo estas la loko kie ni, homoj, vivas. Ĝis antaŭ nelonge tio estis vera, sed jam dum kelka tempo ni apartenas ankaŭ al dua mondo, la elektronika mondo en kiu la homaro almenaŭ spirite vivas kaj ĉiam pli ekvivas.

En la materia mondo ni vivas en nia urbo aŭ vilaĝo kaj en ties ĉirkaŭaĵo, kaj dum ferioj ni eble vizitas aliajn landojn aŭ regionojn, kaj la ĉefaj ecoj de ili estas konataj, ekz. per la lecionoj en geografio en la lernejo.

La nuntempaj junuloj ekkreskis en la nuntempo, kaj ofte jam tre bone konatiĝis kun la elektronika mondo, sed plej ofte al tiuj kiuj jam ne plu estas junuloj, tiu estas nekonata, aŭ ne sufiĉe konata.

Tial eble utilas eta leciono pri la geografio de la elektronika mondo, pri ĉio, kion ni tie povas trovi, kaj pri la maniero atingi tion kion ni serĉas.

Mi estas certa ke ĉi tiu "geografia leciono" ne estas sen eraroj, kaj ĝi ankaŭ ne estas kompleta. Tial viaj komentoj estas bonvenaj.

Mi komprenis ke la antaŭmeto de "http://www." ne plu necesas.

Pro spacomanko parto de ĉi tiu artikolo aperos en la venonta numero de Fen-X.

## BUTIKOJ

Per interreto vi povas mendi librojn, diskojn ktp i.a. ĉe UEA en Rotterdam kaj ĉe Flandra Esperanto-Ligo en Antverpeno.

- <http://katalogo.uea.org>
- <http://retbutiko.esperanto.be>

## E@I = EDUKADO@INTERRETO

Trovebla ĉe <www.ikso.net>. Tio estas paĝo de internacia organizo de junuloj kiuj ŝatas okupiĝi pri buntaj projektoj rilate al edukado kaj interreto.

Oni detale klarigas la celojn de la organizo, ĝiaj statuto kaj regularo, prezentas ĝiajn estraranojn. Tien oni ankaŭ venas per la butono <vikio>. Tie oni trovas manlibron pri Vikipedio.

Per la butono <galerio> oni trovas fotojn pri Esperanto-kunvenoj.

Ege produktiva estas la butono <projektoj> per kiu oni povas trovi: Lingva Prismo, Lernu!, Interkulturo, Nitobe-centro, Komputeko, kiujn ni aliloke detale prezentos.

## ENCIKLOPEDIO

La Esperanto-versio de Wikipedia estas trovebla ĉe: <http://eo.wikipedia.org/wiki/>

Per ĝi ankaŭ eblas trovi tradukojn de vortoj kaj terminoj.

## ESPERANTO-LITEROJ

Kodoj por la UNIKODO-teksto de komputiloj estas troveblaj ĉe Esperanto-Nederland, butono <praktijk>

## ESPERANTO-NEDERLAND

<www.esperanto-nederland.nl> Tre bela bonveniga paĝo en verda kaj ruĝa koloroj. La paĝaro estas nederlandlingva. La bonveniga paĝo entenas kelkajn novajn komunikojn kaj bildojn kaj poste donas la eblon elekti el pluraj temoj.

Unue ĝi klarigas kio Esperanto estas, kaj post tio donas detalajn informojn pri nia asocio, ĝiaj celo, estraro, statuto k.t.p. La butono <plaatselijke groepen> donas adresojn kaj informojn pri lokaj sekcioj.

Per la butono <informatie> oni povas mendi informpaketon, broŝuron kun mallonga lecioneto kaj vortareton. Cetere estas butonoj kun la indikoj: <praktijk>, <examens>, <kalender>, <contact>.

La butono <Esperanto leren> donas ligilojn al <lernu.net>, <edukado.net>, <kurso de Esperanto>, kaj la rapidkurso <Esperanto voor dummies>.

Tre multaj estas la ebloj de la butono <links>, kiu donas ligilojn al kelkdek aliaj paĝaroj, kiel:

kelkaj korespondo-servoj, Esperantomondo, Esperantoland, Gresiljono, Kvinpetalo, Kultura Centro Esperantista, Pasporta Servo.

Alia ligilo kondukas al NEJ = Nederlanda Esperanto-Junularo.

## ESPERANTO-PANORAMA

<http://esperanto-panorama.net/>. Paĝaro el Francio, plurlingva, kiu prezentas butonojn al jenaj rubrikoj:

Kursoj, vortaroj // muziko, kanzontekstoj // legu literaturon - kun ligiloj kiuj ne ĉiam funkcias, aŭ iras al libro-vendejoj // Kiuj ili estas? - Fotoj, Filmetoj // Radio-frekvencoj - kun eta son-arkivo // Eventoj // Asocioj - ligiloj al kelkaj internaciaj aŭ naciaj organizoj // Servoj: vojaĝo, korespondo // Personoj - fotoj pri kongresoj ktp, kaj ligiloj al pluraj personaj paĝaroj de samideanoj.

## ESPERANTO-TV

<http://esperanto-tv.com>. La portalo "Esperanto-TV" mem ne produktas novajn filmojn, sed ofertas 9-kanalan programliston, enhavantan multajn interesajn filmojn, troveblajn dise en pli aŭ malpli kaŝitaj anguloj de interreto.

La programo de la portalo ŝanĝiĝas laŭ disponeblo de novaj (bonkvalitaj) filmoj, antaßvideble ne pli ofte ol semajne.

Ekzemploj de programeroj estas: Filmo pri la estonta Universala Kongreso en Bjalistoko, La Mondo en Esperanto: filmoj, muziko, i.a. kantoj de Kajto. MEKTV- ligilo al la Esperanto-asocio en Meksiko, KISS-TV ligilo al la Kataluna Inform-Servo.

Aliaj eblaj ligiloj al: Esperantista-TV, <Esperanto-TV.com>, ITV, Farbskatol, <Farbskatol.net>, Esperanto TV (mogulus), <mogulus.com/esperanto> ktp.

Ĉar la enhavo daŭre estas modernigata oni mem devas esplori la eblojn.

La portalo ofertas ne nur interrete spekteblajn programojn, sed - kun eksperimenta karaktero - ankaŭ poŝtelefonan Esperanto-televidon!

Por priparoli/pridiskuti la novajn filmojn kaj novajn programerojn ekzistas jahua diskutlisto <http://groups.yahoo.com/group/Esperanto-TV> .

Por kontakti la funkciigantojn estas uzebla tiu sama diskutlisto, aŭ skribu rekte al la adreso <esperanto-tv-owner@yahoogroups.com>.

## ESPERANTOLAND

<http://www.esperantoland.org>. Ĝi celas doni informojn pri lokaj grupoj, kursoj, kunvenoj ktp. Tamen ĝi ne estas tre sukcesplena en tio, ĉar ĝi tute dependas de la informoj kiujn oni donas. Oni povas aliri al ia loka grupo per indiko de la loko sur malgranda mapo, kaj ankaŭ tio ne ĉiam funkcias tre facile. Cetere kelkaj ligiloj kaj butonoj al kiuj ni klakis ne bone funkciis. Bedaŭrinde!

## ESPERANTOMONDO

<http://www.esperantomondo.org>. Ĝi teorie estas naŭlingva, sed grandparte ankoraŭ en konstru-fazo. Multaj paĝoj estas legeblaj nur en la franca, kaj pluraj eĉ ne jam ekzistas. Tamen ĝi celas doni ĉiujn ligilojn al Esperanto-paĝarojn, kiujn ĝi prezentos en klaraj rubrikoj. Kiam ĝi estos preta kaj kompleta, ĝi kredeble eĉ povus anstataŭi nian kompletan nunan rubrikon.... Ni scivole atendas !

## GAZETOJ KAJ REVUOJ

<www.gazetejo.org>. Ĝi donas elektronikan bildon de ĉ. 1600 numeroj de pli ol 100 gazetoj. Kelkfoje temas pri opaj numeroj, foje el jam longe pasinta tempo, sed ankaŭ modernajn eldonojn oni montras.

En ĝi estas troveblaj ankaŭ numeroj de “Monato”, sed kun prokrasto de kelkaj monatoj.

La estraro de ESPERANTO NEDERLAND decidis ke ankaŭ “Fen-X” tie aperu, kaj eĉ sen ia prokrasto. La estraro fidas ke la nunaj abonantoj komprenas ke tio nur eblas per ilia “papera abono”, kaj ĝi fidas ke ili tiel ŝatas la revuon ke ili nepre volas posedi ĝiajn materiajn, paperajn ekzemplerojn. Kaj la redakcio ĝojas ke la rezultoj de ĝia laboro estas tutmonde legeblaj. Ili aperas en la formato PDF.

## INSTRUADO, LERNADO

<www.edukado.net>. Ĝi estas paĝaro kun multaj temoj pri instruado de Esperanto, korespond-ebloj por la lernintoj, informoj pri ekzamenoj ktp. Tre agrabla povas esti la kolekto <Lernoteko>, en kiu troviĝas kursoj kaj lecionoj en diversaj niveloj, kiujn oni povas uzi dum kursoj aŭ kunvenoj. Por uzi ĝin oni unue devas aliĝi.

Estas ankaŭ ligiloj al ILEI.

Por instruantoj de Esperanto la vizito al la paĝaro nepre valoras.

Aliaj valoraj portaloj pri lernado estas: <www.lernu.net> kaj la filmetoj pri “MAZI en GONDOLANDO”, kiujn vi trovos ĉe la rubriko <video-filmetoj> de <http://www. Kanzonamikaro. worsten.org>.

Ĉe <www.esperanto-nederland.nl> la butono <Esperanto leren> donas kelkajn aliajn eblojn.

## KANZONOJ

<http://www. Kanzonamikaro.worsten.org>. Ampleksa paĝaro en 19 lingvoj, kiu informas pri kanzonoj, ordigitaj laŭ lando, laŭ temo, jaro aŭ stilo.

Ankaŭ informoj pri aŭtoroj de kanzonoj, eldonistoj kaj retvendistoj.

Aparta rubriko prezentas video-filmetojn en Esperanto.

Tie troviĝas la ĉapitroj: kanzonoj, religiaj kantoj, instru-filmetoj kaj ludetoj, filmetoj el Bjalistiko, kaj filmoj pri Mazi en Gondolando.

De kelkaj kanzonoj oni donas la muziknotojn.

<http://www.tekstoj.nl> estas persona paĝaro de Roel Haveman, kiu prezentas liston pri tradukoj de kantoj, kiujn li faris por diversaj grupoj kaj artistoj. Kelkaj el ili estas (iafoje parte) aŭdeblaj.

## JUNULARO

Nederlanda Esperanto-junularo post malfacila periodo denove ekvivis, kaj informoj pri ĝi estas troveblaj ĉe la nova paĝaro <www.esperanto-jongeren.nl>.

Pri la internacia organizo vi serĉu ĉe TEJO. Vidu ankaŭ sub Pasporta Servo.

## KOMPUTEKO

Se vi ne komprenas la tekstojn pro al vi nekonataj terminoj, vi povas serĉi iliajn signifojn ĉe <http://komputeko. net>. Tiu donas 7000 terminojn en la lingvoj: Esperanto, nederlanda, angla, germana kaj franca.

## KONVERTILOJ

Se necesas konverti unuojn kiel ekzemple: mejloj-kilometroj, coloj-centimetroj, Celsius-Fahrenheit, oni trovas helpilon ĉe <http://www.tekstoj.nl>, butono <ligoj>.

## LERNU!

<www.lernu.net> . Multlingva kurso pri Esperanto je diversaj niveloj. Tie troviĝas ankaŭ vortaro. Per la butono <biblioteko> oni povas trovi liston de proverboj, ekzemplojn de muziko kaj filmoj, kaj (tro) simplajn informojn pri kelkaj gazetoj kaj revuoj.

## LIBROJ KAJ LITERATURAĴOJ

Tre valora estas la paĝaro

<http://www.esperanto.net/literaturo> kie troviĝas

informoj pri aŭtoroj, kun biografiaj notoj, listo de originalaj literaturaĵoj kaj recenzoj, informoj pri belartaj konkursoj, kaj ligilo al literaturo kiu estas legebla en la reto.

Ankaŭ ligiloj al bibliotekoj, retbutikoj de FEL kaj UEA.

Ĉe <www.i-espero-info/elsutaro/esperantoj libroj> vi povas trovi librojn en PDF-formato.

La portaloj <eLibrejo> , <www.esperantujo.org /eLibrejo> aŭ <INKO> ne plu funkcias.

Ankaŭ ĉe <http://www.Gutenberg.org> oni povas trovi Esperanto-librojn.

***Daŭrigota en la venonta numero...***

